


ORGANO DE
ASTURA ESPERANTO ASOCIO

CATEDRA DE EXTENSION
UNIVERSITARIA




## MIA "INTERNA IDEO"

Precize antaŭ 30 jaroj, en la somero de la jaro 1.951-a, frato mia min varbis por Esperanto. Tuj post eklerno de la Internacia Lingvo, la viruso de la "Interna Ideo" infektis min. Tiam, eble pro la idealisma karaktero de la juneco, Esperanto por mi estis NUR la "Interna Ideo" kaj mi estis fiera,ĉar en la urbeto, kie mi loĝis, oni kromnomis min "apostolo de Esperanto". Disvastigo de Esperanto estis por mi kvazaŭ "dia misio".

Iom post iom kaj pro la natura maturiĝo, mi komencis iom pli racie apreci Nian Lingvon ĝis alveni je la konvinko, ke Esperanto ja nek estas la tutmonda panaceo per kies lernado oni sukcesos forigi ĉian malamon, nek "... dissaltos la obstinaj baroj per la sankta amo disbatitaj...", sed, ke Ĝi, tamen, estas kaj utila kaj necesa ilo por la Homaro, por rekta kaj senpera komunikado inter la diversaj popoloj de la Mondo, por diskonigado de la diversnaciajn kulturojn unu la aliajn, kio ja, nedubeble, estas fonto de amikiĝo, ĉar amikiĝo naskiĝas el reciproka konatiĝo.

Do, por mi, tia "Interna Ideo" de la unuaj momentoj, de senbrida kaj iom fanatika entuziasmo, cedis lokon al pli racia sento pri la bezono de Esperanto por la Homaro (kio ja konsistigas la veran sencon de la "Interna Ideo").

ADONIS.

Majo - Junio 1.981 Nº 20

# NIA ANTENO

## EXPOSICION FOTOGRAFICA SOBRE BULGARIA

### En la Cátedra "Jovellanos", organizada por Astura Esperanto Asocio

Desde las ocho de la tarde de anteayer se encuentra abierta en la antesala de la Cátedra "Jovellanos" de Extensión Universitaria, la exposición homenaje en conmemoración del MCCC aniversario de la creación de la nación búlgara.

La exposición, organizada por Astura Esperanto Asocio (grupo esperantista de la Cátedra Jovellanos), permanecerá "colgada" hasta el próximo sábado. La exposición consta de 325 fotografías cedidas por la embajada Búlgara en Madrid especialmente para la muestra.

Astura Esperanto Asocio tiene previsto realizar próximamente otras exposiciones similares sobre Japón y Australia.

Fotografaĵo kaj informo aperinta en la loka ĵurnalo "EL COMERCIO" en la 20-a de Majo.

La supra fotografaĵo per si mem parolas pri tio, kio estis nia ĉefa aktivaĵo dum la ĵus pasinta Maja monato. Ni multajn horojn dediĉis al klasifikado de fotografaĵoj, afiŝoj kaj broŝuroj ricevitaj krom el la Ambasadejo de Bulgario en Madrido, el la Esperantista Societo "Ĥristo Kozlev", Polski Trambeŝ, Bulgario.

Sed niaj penoj estis larĝe rekompencitaj per la sukceso atingita de la Ekspozicio, kiu estis multnombre vizitata kaj vekis la intereson de ĉiu spektanto. Krom la loka "EL COMERCIO" ankaŭ la provinca ĵurnalo "LA NUEVA ESPAÑA" informis pri nia Ekspozicio, samkiel "Radio Gijón" kaj TVE en sia regiona programo.

Per Esperanto ni sukcesis iomete diskonigi historion, folkloron, arton kaj progreson de tiu por ni, iasence, ekzotika lando, kiu naskiĝis antaŭ 1300 jaroj per la packontrakto inter la Bizanca Imperiestro Konstantino la IV-a"Pogonato" kaj la Ĥano Asparuĥ.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0

# La lingvo kaj la laboristaro

Estas evidente, ke la lingvo ĝuas gravan rolon en la vivo de la homo.La laboristaro kiel ĉefa protagonisto de la ĉiutaga vivo ne povas resti for de ĉi tiu socia fenomeno, kiu estas la lingva rilatiĝo.

Sen timo al eraro oni povas diri, ke ĝis nun nia socio dividiĝis en du partoj, tiuj kiu laboris kaj tiuj, kiuj "ne laboris" eble ĉi tiuj du grupoj siavice - dividiĝos en aliaj subgrupoj, aŭ dirite alimaniere ili estis la - regantoj kaj la regatoj.La regantoj estis, kiujn ĉion posedis , kompreneble ĉi tiu socia stadio ankoraŭ nun estas valida por nia lando kaj por multaj aliaj landoj en la mondo.La regantoj, kiel posedantoj de ĉio, ankaŭ alpropigis al si la lingvon, ĝian ĝustan uzadon, ĝian lernadon.La regatoj,la laboristaro aŭ la popolo akiris la lingvon laŭ mezuroj establitaj de la regantaj klasoj.

Kun la instruado de la lingvo la laboristaro ricevis gravajn etikajn lecionojn pri patriotismo, nacieco kaj defendo de la lingvo. Ĉi tiuj vidpunktoj estis kaj estas profitataj de la kapitalisma socio por siaj, bone organizitaj negocoj.La lingvo ankaŭ havis gravan signifon en la sociaj kaj laboraj konfliktoj.Nome de la nacia identeco, kies unu el la ĉefaj valoroj estas la lingvo, oni eksplodigis multajn militojn.Oni bataligis la popolojn fanatigitaj de la regantoj, de la ĉiopovaj sinjoroj.

La lingvo estas instrumento - por komunikado, sed ankaŭ por izoliĝo.La kulturo ne progresis nek progresos pli rapide pro la lingva diverseco.Ĉi tiu lingva diverseco ankaŭ ne favoras la tutmondan laboristan unuiĝon, kaj tiusence la kapitalisma socio bone ĝin utiligas sia favore.Ofte, jen ni laboristoj diskutantaj pri tiu aŭ alia lingva problemo.Ni dediĉas multajn el niaj fortoj pri la lingva afero, kiam nia vera tasko estas la unuiĝo de ĉiuj agoj cele al konstruo de pli justa sociordo.

La diskriminacio lingva rilate al la laboristaro estas multa kaj diversa.

La filoj de la laboristoj,almenaŭ en nia lando, devas kontentiĝi kun la bazaj studoj kaj ne ĉiuj povas atingi tiujn elementajn sciojn, ĉar iuj eĉ restas analfabetoj por ĉiam.Al ĉi tiuj homoj la neposedo de la lingvo baras, kiu ajn - vojon al superaj kaj respondecaj - postenoj en la regado de la lando.

En la moderna epoko kaj pro - la disvolviĝo de la internaciaj komercaj rilatoj, la lingva problemo ankoraŭ komplikiĝas multe pli.Estas necese koni plurajn lingvojn - por ricevi gravan postenon.Ni ĉiuj scias, ke por koni aŭ posedi kiun ajn lingvon estas nepre necese - translokiĝi al lando en kiu, estas parolata la lernata lingvo.Por laboristo tio ja estas lukso, neniel atingebla.

Proprasperte mi scias, ke la homo grupiĝas ĉirkaŭ gepatra lingvo, en kies aspekto la lingvo havas unuigan forton.Sed ĝuste tiu unueco estas kiu apartigas, kiu izoligas la homojn, laŭ ilia devena - lingvoesprimo.Mi persone vidis konfliktoj pro la nura kaŭzo, ke iuj

parolis hispane kaj aliaj portugale en ..... Francujo.Jen, ke - pro tiu lingva diverseco kaj la fanatikeco, la laborista unuiĝo, la interkompreno kaj la solidara laborista internacieco ne povas realiĝi.Vi jam scias, kio okazas kiam la laboristoj ne interkomprenigas : la ekspluatanta klaso estas kiu eltiras la plej grandajn avantaĝojn kaj profitojn.La laborista lukto devas troviĝi super - kiu ajn koncepto prezentata aŭ regata de la kapitalismaj fortoj . De nia lukto, de nia interkompreniĝo de internacia solidareco naskiĝos sociordo en kiu ni povos - prezenti ĉiujn vivokonceptojn, ĉu lingvan aŭ kiu ajn, en justa, rácia, homa kaj sendiskriminacia - formo.Jen nia devo, nia tasko.

La fanatikeco lingva, estas unu el la plej gravaj danĝeroj - por la laborista lukto.Kiam aperas laboraj konfliktoj, la regantoj ne hezitas aktualigi la lingvan problemon.Ili scias, tiel - bone manipuli la situacion, ke - anstataŭ unuiĝo inter la laboristoj ili provokas la malon, kio - evidente favoras siajn proprajn celojn.Ni, laboristoj, ne povas naive akcepti tiujn opiniojn kaj ni devas meti nin super tiuj konfliktoj lingvaj.Kiel en aliaj facetoj de la vivo la konscianta - laboristaro bone scios solvi,trovi la rimedon al tiu lingva diverseco, kiu tiom multe malfavoras nin.

Ĉi tiu izoliĝo pri la lingvabaro akriĝas en rondoj kies lingvo estas malmulte parolata. Tiom fermiĝas ĉi tiuj rondoj, ke ili akceptas nenian dialogon kun parolantoj de lingvoj pli disvastigataj.Ofte eĉ ĉi tiuj grupoj minoritataj estas utiligataj por disigo de la laboristaj fortoj. Estas evidente, ke ankaŭ en la ĉiupovantaj lingvoj ekzistas fanatikuloj kies celo estas nuligi, malaperigi tiujn etniajn lingvojn.Neniu rajtas altrudi sian lingvon, eĉ se pro politikaj aŭ ekonomiaj kaŭzoj nur unu lingvo estas la oficiala.

Super ĉi tiu lingva problemo, la laboristaro devas konscii, ke - la lingva diverseco ne povas nin - disigi en nia lukto.La plej valora forto nia, estas la unueco, ni devas atente ĝin gardi, konservi, - kontraŭ la reakciaj fortoj, kies - intenco estas utiligi nin kiel simplaj marionetoj, favore al siaj celoj kaj kapricoj.

Mi opinias ne necese eksponi la rolon de Esperanto en ĉi tiu vivofaceto, ĉar ni esperantistoj bone konscias pri ĝi.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL

## PRI LA ESTRO

- 1ª artikolo: La estro pravas.
- 2ª artikolo: La estro ĉiam pravas.
- 3ª artikolo: Kvankam en neebla okazo iu subulo pravus, uzu nepre la unuan aŭ duan artikolojn.
- 4ª artikolo: La estro ne dormas, li ripozas.
- 5ª artikolo: La estro ne manĝas, li sin nutras.
- 6ª artikolo: La estro ne trinkas, li gustumas.
- 7ª artikolo: La estro neniam malfruas, sed al li retenas.
- 8ª artikolo: La estro neniam forlasas sian laboron, sed oni bezonis lin en alia loko.
- 9ª artikolo: La estro ne legas ĵurnalon, sed li sin informas.
- 10ª artikolo: Ĉiuj, kiuj eniru en oficejo de l'estro kun propraj ideoj, devas eliri kun tiuj liaj.
- 11ª artikolo: La estro pensas nome de ĉiuj.
- 12ª artikolo: Ju pli oni pensu kiel l'estro, des pli baldaŭ oni atingos pli altan ŝtupon en sia profesio.

# Kien iras la mondo?


Joannes Paulus PP. II

Kiam la 13-an de Majo 1.981ª, je la - 17ª horo kaj duono, la radiostacioj de la tuta mondo dissendis sciigon pri tio ke la Sankta Patro, Nia Papo Johano Paŭlo IIª estis grave vundita per pafado de iu frenezulo, ĝis punkto ke oni timis pri lia vivo , mi hontis esti homa estaĵo. Jes, ĉar mi tiam ne nur pensis pri tio, kion li signifas por la onidire 750.000.000 katolikoj en la tuta mondo (ni ne forgesu li estas la plej elstara spirita gvidanto de la homaro kaj eble la plej populara el la historio de la Eklezio). Ankaŭ mi pensis pri li kiel paca simbolo, ĉar ekde ĉiam, eĉ antaŭ ol esti elektita Papo, post neatendita morto de sia antaŭulo, li senĉese batalis tiucelen. Ŝajnas ke PACO neniam estos atingebla, ĉar - kvankam tagon post tago ĉiuj ni pli kaj - pli parolas pri tiu tiel bela kiel ĥimera vorto, ankaŭ pli kaj pli ni malproksimiĝas el ĝi per niaj agoj kun la aliuloj.

La 13ª tago de Majo, oni atencis ne - kontraŭ iu persono, sed kontraŭ la PACO - mem laŭ persona formo, same kiel antaŭ 13 jaroj, en usona urbo Memphis, oni murdis alian spiritan gvidanton porpacan nobelpremion, Martin Luther King. Tamen antaŭ ol okazi ĉi tiu lasta atenco, jam oni timis ĝin pro la senlaca rasa lukto, kiu jam delonge subtenis en tiu lando du grandaj etniaj - grupoj (blanka kaj nigra raso).

ne volas, ĉar alimaniere, kion fari kun - tiom da armiloj, kiujn oni fabrikas? Oni devas inventi, de tempo al tempo, iun militon por vendi ilin. Sed, kompreneble , tiaj militoj devas esti zorgeme elektitaj en malproksimaj landoj, por ne riski la propran sekurecon de la inventisto. Kiu estu la gajnonto el tiaj militon, ne gravas, nur tio ke la organizanto daŭru havante bonan vivnivelon. Se iu malhelpas lin, tiu baldaŭ estos de li ekzekutita. Ĉu oni ne faras same kun la hejmaj insektoj aŭ kamparaj plagoj ?

Bedaŭrinde !

Kiuj elni ankoraŭ scias preĝi, tiuj preĝu, por la baldaŭa resaniĝo de nia Sankta Patro, kaj ankaŭ por ke en iu ne tro malproksima tago ni sukcesu forpeli niajn nunajn ambiciojn, egoismojn, enviojn, kaj ekzistu vera PACO en la tuta mondo kaj en niaj propraj koroj.

Tiel estu !

IDOLO


Papa Giovanni Paolo II

# KASTELO DE Coca

( daŭrigo )

Ĉe tiu aliro, troviĝas mekanismo por funkciigi la eniran barokradon.

Sur unu el la muroj de ĉi tiu turo, interne, ankoraŭ eblas legi kelkajn vortojn kaj ekstere, romaj ciferoj montras la eblan daton el finkonstruado de la kastelo.

Tiaj ciferoj, estas:
MCCCC CIII.

Mankas unu literon inter la du lastaj C, kiu nur povas esti X aŭ V. Se la mankanta litero estus X, oni ĝin finkonstruis dum la 1.493ª jaro, sed se tiu litero estus V, tiam la kastelo oni finkonstruis dum la 1.498ª jaro.

Ekde tia enviinda teraso, detaleme oni povas rigardi la precipajn monumentojn de Coca: restaĵoj el roma murego, kun keltibera bazo; paroĥa preĝejo, de gotika ŝanĝostilo konstruita en la 1.505ª jaro (laŭ iniciato de D.Antonio de Fonseca, nevo de la fondisto de la kastelo), kaj turo de Sankta Nikolao, de romanika stilo, konstruita en la XIIIª jarcento, kaj ankaŭ konstati ke ĉiuj la kreneloj de la kastelo estas malsamaj inter ili.

Kiam oni komencis laborojn por restaŭri la kastelon, oni malkovris 5 metrojn altan rondan subterkarceron, kun sola truo en la supra parto, kapabla por ebligi la homan eniron, sed kovrita per krado, por maleblígi fuĝon el tiu loko. Tra tiu truo nur estus permesebla al la malliberuloj ricevi manĝaĵojn, same kiel malabundan lumon. Kiam oni malkovris ĝin, la planko estis el tero kaj fojno, kaj sur ĝi kuŝis la skeletojn de du personoj, kiuj per restaĵoj el siaj vestaĵoj, kaj oraj butonoj oni supozis apartenis al du soldatoj de la franca armeo.



Detalo de la subterkarcero

Nun havas pordon por faciligi eniron al la vizitantoj.—

D.

# ADMIRANTOJ DE LA KAMPARA VIVO

Matena ĉielo de maja bela vetero
sereniĝas klare, agrable.

La hordeoj de la altebenaĵo etendiĝantaj
ĝis la lasta horizonto
tute egale spikiĝis.

En la matena suno brilanta
plenmalseke je multego da roso,
la ondoj senlimaj faras freŝa la marsupraĵon
kun trembrilo.

Mi sola venis plugi la kampon.
Vidante tian pejzaĝon mirindan,
mi sentas min kiel feliĉa dio.
Sed, subite!
Ekpikas al mi la malplena stomako
per kudrilo de mia apetito.
Kiom ajn multe mi laboras kaj laboras,
mi ne povas stabiligi nian vivon, eĉ manĝadon.
Kiam mi konscias ĉi tion,
mi ne povas ne tuj
ekkuraĝiĝi kiel demono!

Admirantoj de la kampara vivo,
admirantoj de la natura belo,
kiela estas la kampara vivo, aŭ la natura belo?
Ĉu vi scias, kiel mizera estas la vivo de ni farmistoj?
Kvankam de nokto ĝis nokto labori ni daŭrigas,
sed pri nian manĝadon ni maltrankviliĝas.
Neniam rilaton ni havas al la kampara belo
nek la natura belo.

Admirantoj de la kampara vivo kun blankaj manoj,
kiuj sidiĝas ĉe la fenestro
de la trajno iranta malproksime,
karan cigaredon fumante,
kun bela kromedzino parolante:

– Tio ĉi estas la natura belo, mia kara.
Ĝi estas ĝuste kvazaŭ vivanta oleopentraĵo.
– Vere ĉi tie mi ja povas mediti kaj vivi vere poezie.

Kiel pli proksime al naturo vi estas!
Kiel pli multe naturo vin favoras:
(Nin, kiu daŭrigas labori de nokto ĝis nokto, naturo forlasas, ne favoras. )
Oho!
Admirantoj de la kampara vivo,
ĉu vi certe ne pensas, ke homan stomakon
plenigas bildoj de naturo?
Au ĉu vi estas niaj ekspluatantoj,
kiuj pri la manĝado de maltrankviliĝante
faras turismon aŭ promenas sur la kamparo?

Aŭ ĉu vi estas urbanoj
eltendiĝantaj je la favoroj
de la materia civilizacio,
de la kapitalisma civilizacio,
de la urbana civilizacio?

Al ni malsataj plugistoj,
la belo de la naturo estas ne inda je
eĉ unu bovleto da rizaĵo.
Niajn stomakojn ĝi ne plenigas.
Ĉu vi certe ne admiras
nian staton mizeran?
Admirantoj de la kampara vivo, vi por ĉiam
admiru la kamparan vivon kun blankaj manoj,
farante turismon aŭ promenante sur la kampo.
Sed neniom vi forgesu la forton
de la ter-filoj dispremitaj,
kiuj malantaŭ vi
kreskas kun silenta konsento,
kredante nunan tagon venontan
per la okuloj flamantaj.

Verkisto: SIBUYA TEISUKE

# DISTROJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| S | O | N | O | I | M | A | K |
| O | U | S | B | T | I | O | A |
| S | T | R | I | B | L | I | S |
| E | L | I | H | K | O | E | L |
| L | U | C | I | F | I | S | E |
| A | S | C | E | N | O | R | D |
| K | I | U | T | R | A | M | O |
| B | A | L | K | O | N | O | N |

**Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de** veturiloj.
**Serĉu ilin!**
**Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale – en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.**

## Movoj de kavaliro

| | | | |
|---|---|---|---|
| ★ | LAS, | NI | NE |
| O₁ | PI | LAS | SO |
| SED | KON | VO | KON |
| LAS | SI | HEL | KAJ |

**Komencante per la silabo O (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.**

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ



MOVOJ DE KAVALIRO:
Vorto dirita, al la mondo apartenas kaj neniam revenas.

STELENIGMO
A–B) Faksimilo B–C) Kupo
C–Ĉ) Proporcio A–Ĉ) Aŭtokrato

Horizontale
1) Bo 2) Al 3) Gi 4) Atavismo 5) Mureto.Eik 6) Are.Ek
7) Nulo.A 8) Ero.Il 9) Oo.No.

Vertikale
1) Em 2) U 3) Araneo 4) Teruro 5) Bagatelo 6) Olivo.O
7) I.E.In 8) Sekalo 9) Mi 10) Ok.

Nombro serĉata : 124.842

## HIEROGLIFOJ




Ĉi tiu, kiun vi provas solvi.




Kiom da ovoj enhavas la korbo ?

## KRUCVORTENIGMO



HORIZONTALE:

1) Teniĝo kaj mieno de iu por esti desegnata, pentrata, fotografata.
2) Adverbo signifanta "en nenia maniero".
3) Prepozicio esprimanta ĝenerale la celon aŭ pli precize montranta tion, kies efektivigo aŭ akiro estas celata.Sufikso uzata por derivi numeralojn indikantajn unu el la du, tri, kvar, ktp egalaj partoj de tuto.Adverbo signifanta en tiu loko.
4) Elemento, senkolora, senodora gaso, atomnumero 8, atompezo 16.
5) Vira voĉo inter baso kaj tenoro (inverse).
6) Demanda neŭtra pronomo por demandi pri afero aŭ besto.Simbolo de antimono.Roma monero el bronzo.
7) Provizora konstruo, plejofte el ligno, por loĝigi soldatojn, laboristojn, malsanulojn, rifuĝintojn, militkaptitojn, ks (inverse).
8) Longa ampleksa malstrikta vesto sen manikoj, kovranta la korpon de la kolo ĝis la piedoj, kiun portis la viroj en antikvaj kaj mezepokaj tempoj, kaj kiu estas ankoraŭ nun uzata de orientaj viroj kaj de religiuloj (inverse).

VERTIKALE:

1) Prepozicio.Numeralo.
2) La dekoka litero de la Eª alfabeto.Kolora likvaĵo por skribi, presi aŭ desegni (inverse).Vokalo.
3) Prepozicio.Nomo de litero.
4) Elstara parto de fortikaĵo, en formo de neregula pentagono, aranĝita por ebligi la flankpafojn (inverse).
5) Kreskaĵo kies frukto estas uzata plejofte kiel kuracilo aŭ spico.
6) Tre bongusta infuzaĵo.Sufikso signifanta unu el la konsistigaj elementoj de tutaĵo.Rivero en Svisio.
7) Romana cifero.Bone farti.La dua litero de la Eª alfabeto.
8) Rivero en Hispanio.Nomo de litero.